



1/2006
Decembro/Januaro

Einladung an alle Mitglieder
des Esperanto-Verein Hamburg e.V.
zur Jahreshauptversammlung
am 9. Februar 2006 um 20 Uhr
im Esperanto-Haus, Klaus-Groth-Str. 95, 20535 Hamburg

Tagesordnung:

1. Erstattung des Jahres- und Kassenberichts des Vorstandes
2. Bericht der Kassenprüfer und des Beirates
3. Beratung und Beschlussfassung darüber
4. Entlastung des Vorstandes
5. Jahresbericht des Beirats
6. Wahl der Vorstandsmitglieder
7. Wahl der Beiratsmitglieder
8. Wahl zweier Rechnungsprüfer
9. Aufstellung eines Haushaltplanes und Festssetzung der Mitgliedsbeiträge
10. Beratung und Beschlussfassungung über rechtzeitig eingegaangenne Anträge
11. Verschiedenes

Invito al la jarĉefkunveno
de la Hamburga Esperanto Societo
la 9an de Februaro 2006 je la 20a horo
en la Esperanto-Domo, Klaus-Groth-Str. 95, 20535 Hamburg

**Editoraĵoj**
Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65

Prezidanto: *Jürgen Wulff*

Konstanta redaktoro: *Benno Klehr*

**Karaj legantoj,**
la jaro 2005 finiĝas, ni havas novan registaron kaj tamen la germana sinteno, ke ĉio nur estas malpli bona ol antaŭe, ne malaperas. Laŭ la filozofio de nia socio nur kreskado de la gajno signifas bonfarton. Sed ĉiama kreskado ne eblas; ekzistas naturaj limo, kaj tiu limo ne estas atingita nur, kiam ĉiu laboristo posedas aviadilon.
En antaŭaj jarcentoj regule okazis militoj,

| | |
|---|---|
| Retpoŝto: Esperanto-Hamburg<br><br>Redaktofino de<br>Esperanto Hamburg<br>n-ro 2/2006: 15-01-2006<br><br>**Sentenco**<br><br>La vivo estas plej malfacila en tiu loko, kie oni momente troviĝas.<br><br>*N. N.* | kiuj detruis ĉion kaj ebligis kreskadon poste - ĝis la venota milito.<br>Ni vivas en feliĉa tempo, nun dum 60 jaroj en paco.<br>Neniu antaŭa generacio havis tian longan bonfarton. Do ni ne lamentu, ke ni ne bonfartus.<br>Ni devas akcepti la momentan situacion.<br>La tuta vivo iras laŭ cirklo, la homoj spertas bonajn kaj malbonajn tempojn.<br>Neniam la situacio restis sama dum longa tempo.<br>Do ankaŭ ni Esperantistoj havu iom pli da idealismo pri futuro: Venos nova generacio, kiu havos alian mondkoncepton.<br>Ni devas prepari niajn ŝancojn.<br><br>*Benno Klehr* |

**Ĉu lukso aŭ ŝparemo?**

La GEK en Hamburg fariĝos pli multekosta ol kutime. En la urbeto Bad König la plej malalta kotizo kun tranoktado kaj 1 manĝo estis 172,-- € (10-minuta distanco inter hotelo kaj kongresejo).

Hoteloj en la urbocentro de Hamburg estas multekostaj kaj ne donas rabaton. Nur en eksteraj kvartaloj eblas akiri rabaton.

Tri proponoj por kongresejo en Hamburg

| de Jürgen Wulff | de Gerald Roemer | de Benno Klehr |
|---|---|---|
| Dorint Novotel<br>Lübecker Tor<br>Tranoktado 110,-- €<br>hoteloj por 55,-- € kaj restoracioj en la proksimeco (10 min.)<br>konr. + alia hotelo<br>por 1 pers.: 400,-- € | Rudolf Steiner Haus<br>Mittelweg 11-12<br>Nur kongresejo<br>hoteloj por 55,-- € kaj restoracio en la proksimeco (10 min.)<br>kongreso + iu hotelo<br>por 1 pers.: 300,-- € | Panorama Hotel<br>Billstedt<br>Tranoktado 40,-- €<br>restoracioj kaj vend-ejoj tuj apude en aĉ-tadcentro<br>kongreso + hotelo<br>por 1 pers.: 200,-- € |
| centra situo •<br>sceneja salono -<br>nur unu mendo (•)<br>hotel-rabato -<br>manĝoj inkluziv. 3<br>ĉio en unu domo (•)<br>publika varbado - | •<br>•<br>-<br>-<br>-<br>-<br>• | -<br>-<br>•<br>•<br>1<br>•<br>- |

**Mitgliedsbeiträge für das Jahr 2006 für HES und GEA**

Karaj membroj,
es ist wieder soweit, der HES-Kassierer (und sicherlich auch der von GEA) sieht mit Freude der pünktlichen Bezahlung* der Mitgliedsbeiträge entgegen:

# Beiträge Esperanto-Verein Hamburg e. V.

44 € normale Mitgliedschaft / Personen mit Einkommen
22 € Familienangehörige, Jugendliche, Mitglieder ohne eigenes Einkommen

*) Bitte überweisen Sie den Mitgliedsbeitrag bis zum 28.2.2006 auf das Konto des Esperanto-Vereins Hamburg e. V. bei der Postbank Hamburg, BLZ 200 100 20 Konto xxx
Datum bitte in Ihren Kalender eintragen - oder besser gleich das übersandte Überweisungsformular ausfüllen und bei der Bank / Sparkasse abgeben!

Wegen der getrennten Zahlung der GEA- und HES-Beiträge hatte ich Sie im letzten Jahr im Informilo 1/2005, Seite 2 informiert.

# Beiträge Deutscher Esperanto - Bund e. V.

46 € Personen mit Einkommen
23 € Personen ohne Einkommen (bis 27)
69 € Familienmitgliedschaft

Details siehe: www.esperanto.de/gea/beitrag.html
Bitte überweisen Sie diesen Mitgliedsbeitrag auf das Konto des Deutschen Esperanto - Bundes e. V. bei der Sozialbank Mainz, BLZ 550 205 00, Konto 8603600

Salutas via
Gerald Roemer
Kasisto de HES

**Nia programo**

| Decembro | Januaro |
|---|---|
| 1 **Komuna Kristnaska kantado** kun *Ralph Glomp*<br><br>8 prep. por sabato<br><br>10 **Zamenhoffesto**<br><br>15 **18 h Estrarkunsido** (publika) | 5 *Ralph Glomp* legas: **Sherlok Holmes; La aventuro de kriplulo**<br><br>12 *Frank Merla*: **Lingva Kvizo**<br><br>19 *ARTE - televido:* **Wie ich Europäer wurde** |

| | |
|---|---|
| Post la Zamenhof-festo ne plu okazos klubvesperoj ĝis Januaro 2006 | **(parte en Esperanto)**<br><br>**26** *Sylwia Pöhlmann*: **Pola kuirarto** |

Ni deziras belan
kristnaskan feston
kaj bonan novan jaron.
La estraro de H.E.S

---

# Hinz & Kunzt

**Gazeto de senhejmuloj raportas pri Hamburga Esperanto-Societo.**

En la dupaĝa artikolo unue ni aperas iom kiel strangulo, sed poste *Detlev Brockes*, la aŭtoro, prezentas la klubon kaj kelkajn membrojn en agrable pozitiva tono.
Flanke de la artikolo troviĝas poŝta kaj reta adresoj kaj indiko pri lotumado de sondiskoj (KD) der Raph Glomp.
Hinz & Kunzt n-ro 11/2005

---

**Planoj por 2006**

En la jaro 2006 ni denove havos la eblecon, prezenti Esperanton dum la Eŭropa Semajno kune kun aliaj organizaĵoj. La pasintjara loko de la Eŭropa Semajno, en la korto de la urbodomo, ankaŭ al la organizintoj montriĝis kiel maltaŭga. Oni gratulis al ni, ke ni tamen daŭrigis nian prezentadon kaj ne rezignis. En 2006 oni planas okazigi ion similan sur Gänsemarkt, kiu estas pli frekventata. Tie ni povus partopreni.
La inaŭguro de la Eŭropa Semajno okazos la 9an de Majo en la urbodomo; sur Gänsemarkt okazos sabata prezentado la 13an. Krome dise en la urbo okazu diversaj aranĝoj dum la semajno. Ni povos en nia Klubejo okazigi prelegon pri eŭropa temo, ĵaŭdon, la 11an.
Dum la semajnfino, la 24an kaj 25an de junio 2006, en Eppendorf okazos tradicia surstrata festo kun muziko, manĝaĵoj kaj trinkaĵoj. En multaj budoj oni ofertas varojn aŭ informas pri diversaj agadoj. En tiu ĉi festo jam plurfoje partoprenis la grupo *Esperanto Hamburg-Nord*, la organizantino jam mendis malgrandan budon, en kiu eblas sendepende de la vetero prezenti nian aferon. Helpantoj estas bonvenaj.

---

**Necesaj laboroj en la Esperanto-Domo**

• La balustrado de la teraso estas rustiĝinta kaj nepre devas esti riparita. Metiiston ni jam komisiis.

• La tapiŝo sur la klubeja ŝtuparo estas malnova kaj difektita. La salono, la necesejoj kaj la koridoro jam estas provizitaj per kaheloj, do estus konvene, meti kahelojn ankaŭ sur la ŝtuparon. Certe devos esti specialaj, kontraŭ-glitaj kaheloj. Kaheloj estas pli multekostaj ol tapiŝo, sed la ŝtuparo estas pli multe uzata ol en privata domo, kaj do tapiŝo pli rapide difektiĝas. Oferto pri kostoj estas mendita.

• En la salono la farbo malantaŭ la radiatoro disfoliiĝas. Por ripari tion necesas malmunti la radiatoron. Tio nur eblos en pli varma sezono, sed tion povos fari *Ralph Glomp* kaj *Benno Klehr* sen helpo de metiisto.

• La kuirejo bezonas renovigon. La planka PVC-kovraĵo jam aĝas pli ol dek jarojn. La muroj bezonas novan farbon.
La kuirejo ne plu estas uzata ĉiusemajne. Ni devos pripensi, kiel ĝ i estonte estu organizita. Fakte tiu granda ĉambro por nur kelkaj festoj dum la jaro estas kiel troa lukso.

• La biblioteko, la trezoro de nia klubo, kiu enhavas ne nur librojn, sed ankaŭ la kluban arkivon kun unikaj dokumentoj el 100 jaroj, ne havas sufiĉe da loko.
Antaŭ kelkaj jaroj ni pripensis doni niajn malnovajn paperaĵojn al la arkivo en Berlin. Feliĉe ni ne faris tion. en Berlin antaŭ nelonge okazis incendio.
Ni povus aranĝi nian arkivon en la malgranda ĉambro, la tiel nomata gestĉambro, kiu kutime nur estas uzata kiel deponejo.
Kelkaj membroj proponis meti la librojn en vitrinojn en la kluba salono, videblaj al ĉiuj, por instigi al pli multa uzado.

• Alia ebleco por ekonomie pli saĝe uzi nian domon, estus komplete ŝanĝi la uzadon de ĉambroj: La biblioteko povus esti apud la salono en la nuna kuirejo kaj ni povus forlui la tutan supran etaĝon.
La granda kuirejo ne estas regule bezonata, sufiĉus malgranda teokuirejo, ekzemple en la malgranda kamero kie oni antaŭ la novkonstruo eniris la viran necesejon. Se necese, ni povus uzi la fornon en la supra etaĝo.

---

**La ĉinan kuiradon** la 12an de Novembro partoprenis 10 personoj. *Mariko Aoŝima* bonege preparis, klarigis kaj helpis dum la kuirado. Estis agrabla kaj sukcesa komuna posttagmezo kaj bongustaj manĝaĵoj. *Jürgen Wulff*

Re al Esperanto en Hamburg